# Heleco

**Pregorgano de Astura Esperanto Asocio**

Numero 67. Oktobro - Decembro 1989




ADRESO DE A.E.A

Strato Begoña, 25
33206 - GIJON
Telefon-numero, 34 19 18


ENHAVO




La enhavo de la artikoloj de ĉi tiu revuo ne esprimas la oficalan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj respondecas ties verkintoj mem.
Depósito legal n-ro. 0/319/85




# Ripozu pace!

La 2-a de ĉi tiu monato, novembro, oni kutime celebras en Hispanio memor-tagon dediĉe al niaj mortintaj parencoj kaj geamikoj. Tiuokaze mi rememoris la forpasintajn gesamideanojn. Ekde antaŭ kelkaj jaroj mi perdis tre bonajn geamikojn, personajn geamikojn kiuj iam instruis min pri la E.Movado kaj kiuj, pro ilia bonkoro, igis min amanto de la homaro. Ili alportis al min grandan feliĉon.
Nun mi volas dediĉi al ili la modestan omaĝon de mia rememoro.

MARIA ZIMMERMANN, el Usono, forpasis la 29-a de januaro de 1986. Post multe da tempo oni trovis ŝian kadavron ene de ŝia aŭtomobilo droninta en la kanalo de Miami. Tiu tragika akcidento okazis ok tagojn antaŭ la planita ceremonio de ŝia edziniĝo kun nia amiko Sergio Docal.

FLORENCE MACK, el Massachuset (Usono). Mi konis ŝin dum ekskurso al lako Balaton en Bulgario, De tiam estis ofta nia korespondado. Ŝi kunlaboris en nia revuo "Heleco" pri la E-Movado en sia urbo. mi sciis ke ŝi suferis mamkanceron; ŝi mem komunikis al mi sian malsanon. Grandan kuraĝon ŝi havis, ankaŭ bonan konformiĝon kun sia destino. Mi ekscíis pri ŝia morto unu jaro poste per informo de iu samideano el la sama urbo okaze de Universala E-Kongreso.

YOKO ISSOBE, japanino, el Tokio. Mi ne scias ĉu ŝi mortis pro malsano aŭ pro alia kaŭzo. Mi legis ŝian nekrologon en iu E-revuo, nun mi ne memoras la daton. La lasta letero kiun mi ricevis el ŝi estas de januaro de la pasinta jaro 1988; Bedaŭrinde ĝi restis senresponda.



GERARD KOUDIJS, nederlandano, el Utrecht. Mi konis lin en Budapeŝto. Li estis instruisto pri Esperanto kaj en metilernejo; rezerv-oficiro en la 20-a infanteria regimento. Li mortis la kvaran de julio de la nuna jaro, je aĝo de 95 jaroj. Li estis instruisto de nia nederlanda amikino Elizabeth Vuurmans, kiu vizitis nin dum la pasinta jaro 1988; ŝi prezentis lin al mi, de tiam ni renkontiĝis dum aliaj U.E.Kongresoj; lasttempe li skribis malmulte kaj ne ofte, lia vivo iom post iom estingiĝis. Dank' al nia amikino Vuurmans mi havis noticojn pri li, ĝis kiam mi ricevis rekte el lia familio ekscion pri lia forpaso.

**JULIAN MORALES**, hispano, el Bilbao. Gaja homo, tre laborema; li babiladis kun ĉiaj personoj el la tuta mondo; li estis ĉarma viro; tre laborema spit' al sia maljunaĝo, lia vigla aktiveco mirigis ĉiujn konatulojn. Lia bilbao-stila ĉapo estis tre konata de ĉiuj gesamideanoj kaj ankaŭ de sia tornistro. La bilbaanoj perdis virtan samideanon.

**MARIA ANGELOVA**, bulgarino, el Sofio. Mi memoras nian unuan renkontiĝon sur strato en Stokolmo; ŝi demandis al mi: kie troviĝas la kongresejo?. -Akompanu min, mi iras tien. Ĉi vortoj estis la komenco de granda kaj bonega amikeco; preskaŭ en ĉiuj kongresoj ni renkontiĝis. Agrabla virino; ŝia arto kiel opera kantistino fariĝis tre konata de ĉiuj gesamideanoj kiuj aŭdis ŝian belan voĉon kiel solista aŭ akompanata de la ankaŭ kantisto kaj forpasinta S-ro. Damianov; ili regalis al ni per belajn artajn vesperojn. Mi renkontiĝis kun ŝi lastfoje en la landa Kongreso en Bilbao; mi invitis ŝin viziti nian urbon sed ne eblis al ŝi veni al Gijon, bedaŭrinde ŝi ne povis esti inter ni, vane atendis ŝin ASTURA ESPERANTO ASOCIO. Dum nia lasta renkontiĝo en Bilbao mi neniel povis supozi ke post unu monato komunikos al mi ŝian forpason mia nova amikino, konita en Brajton, S-ino. Peska.






Mia rememoro ankaŭ al niaj samgrupanoj Alberto Menéndez kaj Argentina G.Ceñal; ili estis bonaj geesperantistoj kaj membroj de ASTURA ESPERANTO ASOCIO.

Mi estas sentoplena... mi ploras pri ĉiuj.

Gijon, novembro 1989
Julio Arguelles

# S-ro. Manuelo kaj Gonzĉjo

Gonzĉjo de ĉiam esis modela filo. Li naskiĝis en tre modesta familio, en malgranda vilaĝo. Li estis la lasta el kvin gefratoj.
Lia patro estis ĉarpentisto kaj la patrino apartenis al tiu speciala profesio nomata dommastrino. Sciojn ili havis nenian. Nur dank' al la frukto de iliaj manoj ili sukcesis vesti kaj nutri tiel grandan nombron da malsategaj gefiloj.
Jam de la infanaĝo Gonzĉjo superelstaris el inter siaj gefratoj kaj ceteraj samaĝaj vilaĝanoj pro sia speciala komprenpovo; eĉ por aferoj malfacilaj por maturaj homoj li ĉiam trafis trovi precizan solvon.
En la vilaĝo, kie li loĝis kaj vivis dum sia juneco ĉiuj konas kaj estimas lin pro siaj virtoj kaj inteligenteco. Liaj samvilaĝanoj ĉiam nomis lin kareseme "Gonzĉjo" kaj ankoraŭ nun, malgraŭ tio, ke li estas jam matura viro, ili nomas lin tiele.
La patrino de Gonzĉjo, krom tiuj devigaj taskoj realigataj en sia propra hejmo, ankoraŭ trovas sufiĉan libertempon por lavi kaj gladi vestaĵojn, laŭ mendo, por diversaj personoj loĝanta en la najbara urbo, situanta 5 kilometrojn okcidente de la vilaĝo, vojo, kiun ŝi trairas po du fojojn en semajno, piedirante.
La gefratoj de Gonzĉjo ne kapablis kompreni eĉ la plej malgravajn aritmetikajn problemojn, do ili baldaŭ forlasis la studadon. Nur li superas ĉiujn samaĝulojn. La instruistino pruntedonis librojn al li pri diversaj temoj kun la celo, ke li legu kaj instruiĝu, kaj tiel li baldaŭ akiris gravan ĝeneralan kulturon.
Kiam li fariĝis 14 jarojn aĝa, la instruistino konsilis la gepatrojn de Gonzĉjo, ke ili permesu al la infano fariĝi en la najbara urbo abituriento. Ŝi pledis:
- "Li ja scias pli ol mi. Li povus esti eĉ instruisto mia".
La gepatroj de Gonzĉjo konsentis kaj li aliĝis al urba gimnazio. Tio signifis por li granda peno ĉar li devis tro frumatene elitiĝi por ĉeesti en la lernejo je la oka horo.
Komence li iris piede, sed la unua vintro estis tro malvarma kaj pluvema kaj liaj gepatroj aĉetis malnovan biciklon por lia translokiĝo.
La tempo rapide pasis kaj Gonzĉjo sukcesis fini tiun novan studan fazon. La sekvonta fazo estus fari universitatan studojn, sed, kiujn mediojn uzi se la gepatroj ne havas monon? Aliflanke, ĉu ne estas bedaŭrinde ke li, kiera homo kaj elstara studento, ne povu atingi superajn sociajn nivelojn pro manko da mono? Kiajn ironiojn havas ĝenerale la vivo!
Finfine aperas tiu anĝelo helpanta la bonajn homojn. Li utiligas ĉi-foje la vilaĝan kuraciston, homo tre konata kaj estimata en la plej gravaj kluboj de la ĉefurbo, kiu, post multegaj demarŝoj, trafas ŝtatan stipendion por ke Gonzĉjo fariĝu industria inĝeniero.
Kian ekstazan ĝojecon sentas Gonzĉjo!
Ĉu vere alvenos tempo, kiam li povos plenumi siajn infanajn revojn esti inĝeniero, kiel S-ro. Manuelo, la direktoro de la ĥemia entrepreno starigita en la ilaĝo, al kiu ĉiuj loĝantoj salutas respekteme? Ne povas esti - li pensas. Mi ne povas flugi tiel alten. Pli bone ne plu revi, ĉar la temaroj ne estas tiel simplaj, kiel tiuj, kiujn mi studis ĝis nun, kaj temas pri sesjara kariero!
La lernojaro komencas kaj baldaŭ li konstatas, kion antaŭe li pensis: ke li havas antaŭ si gravegan taskon.
Li deziras ne fiaski. Liaj pensoj estas ĉiam aldirektitaj al S-ro. Manuelo, kiun li, Gonzĉjo, ekde la fundo de sia koro miras kaj konsideras ĉiopova homo. Do, se li deziras esti iam kolego de tiu grava sinjoro, li devas studi, studi, studi. Jen la sekreto.
Tiel li agis. Sabatojn, dimanĉojn kaj festotagojn li ne ĝuis. Tra la fenestro de lia ĉambro eniris ofte la krioj kaj kantoj de aliaj junuloj kaj junulinoj samaĝaj kiel li, sed li ilin ne aŭdas, ĉar siaj kvin sensorganoj estas aldirektitaj nun al la dikaj kaj komplikaj libroj, kiujn li devas lerni.
Dum la someroj li revenas en la patran hejmon kaj celas helpi la gepatrojn en iliaj senhaltaj laboroj, kvankam li neniam forlasas la librojn.
Kiam iu nova lernojaro komencas, denove Gonzĉjo vojaĝas en la ĉefurbon por denove travivi la samajn morojn kaj disciplinojn, la samajn postulojn kaj penojn, kiujn li estis devigata travivi la antaŭan jaron, sed li, persistema homo, venkas ĉiujn barojn, kiujn li trovas sur lia vojo ĝis la alveno de tiu dezirata tago, tago de sia diplomiĝo, kiu finfine alvenis...
Kia feliĉo ravas lin!
Li ankoraŭfoje revenas en sian naskiĝvilaĝeton. Baldaŭ kuras la sciigo pri lia alveno kiel la pulvo kaj oni akceptas lin kvazaŭ militan heroon.
- Venis Gonzĉjo - iu kriis.

- Gonzĉjo fariĝis inĝeniero - iu najbarino informas alian.
Ĉiuj gratulas lin kaj ĝojas kvazaŭ tio estus komunuma afero.
Sed tiun gratulon, kiun li plej ŝatas venas de S-ro. Manuelo. Tio estas por Gonzĉjo neesprimebla.
S-ro. Manuelo invitas lin tagmanĝi en sia hejmo kaj proponas al Gonzcjo, ke li laboru kiel helpanto sia.
S-ro Manuelo diras:
- Mi sentas min iomete maljuna kaj ankaŭ ne ĝuas bonan sanon. Vi, Gonzĉjo, estas juna, lerta, kaj povas esti iam, post mia emeritiĝo aŭ forpaso, la nova direktoro de la entrepreno. Kion vi opinias? Ĉu vi konsentas?
Kompreneble, Gonzĉjo konsentis. Li sentis ĉirkaŭ si, kvazaŭ anĝelan kanton, kvazaŭ li estus vivanta sur nuboj. Li ne scias kiom da tempo li malfruis respondi, kvankam li estas certa, ke li almenaŭ kapjesis.
S-ro. Manuelo manpremis Gonzĉjo-n kaj diris:
- Mi esperas ke vi neniam pentos pro tiu hodiaŭa decido via.
Kaj jen kiel la historio de Gonzĉjo havas feliĉan finon. Ĉio dank' al sia kuraĝo, persistemeco, dediĉo. Pravas tiu proverbo kiu tekstas: "kion oni deziras, tion oni atingas".
Pri io Gonzĉjo estas malkontenta. En siaj revoj li aŭdis kiel iu iam lin nomis "S-ro Gonzalo", sed ĉi tiu revo ne povis esti plenumita ĉar, por la tuta vilaĝloĝantaro, li ĉiam estos Gonzĉjo. Tamen, ĉi tio ne estas tiel grava afero, ĉar fanfarona li ne estas.
Nur li fieras pri kion li atingis, pri siaj sukcesoj. Ankaŭ ne li hontas pri sia humila deveno. Pro tio, la gepatroj, gefratoj kaj ceteraj vilaĝanoj estas ankaŭ fieraj kaj amas lin, speciale Lizabeta, kiu jam de kelkaj jaroj fiksis la rigardon de siaj grandaj belaj nigraj okuloj sur Gonzĉjo kaj amas lin sekrete...

DOMINGUEZ

# URSETO

-Panjo, rigardu kiel ĝi estas, estas bela. Vidu ĝiajn brilantajn okulojn kaj malgrandan ruĝan nazon. Ne gravas ke al ĝi mankas unu orelo kaj unu bestopiedo, ne gravas ke ĝi ne estas tute pura. Kiam ni atingos la domon, mi banos la urseton. Mia avino faros la mankantan bestopiedon kaj la orelon por la urseto. Panjo, mi decidis nomi ĝin Dingo. Tiu ĉi nomo estas bela, ĉu ne? Mia avo rakontis al mi ke iam li havis veran urson kiu nomiĝis Dingo.
Sesjara ciganido paŝis apud la patrino. Ŝi preskaŭ ne aŭskultis lin. Ŝi pensis kiel trovi iun laboron kaj perlabori monon, ĉar ŝia edzo estas malsana. En ŝia kapo estis konfuzo. Nun ŝi rememorigis al la edzo kuŝanta sub la hufoj de juna sovaĝa ĉevalo, en ilia modesta vilaĝa stalo. Poste ŝi vizitis lin en hospitalo, li kuŝis kun la envolvita kapo. La ciganino mute demandis sin kiel ŝi sukcesos pagi hospitalajn elspezojn pro la kuracado de la edzo, kaj ĉu li forlasos la hospitalon kapabla labori kiel ĝis nun.
La zorgoplena virino subite respondis al la fileto:
-Jes, la avo havis veran urson Dingo, kiun li gvidis de foiro al foiro. La urso dancis kaj la avo perlaboradis monon por vivi. Jes, jes, la avino riparos la urseton, kaj ĉio estos en ordo, ne zorgu, kara mia.
Strata semaforo montris ruĝan lumon, la ciganino kun la fileto haltis. La knabo estis nigrohara kun grandaj belegaj okuloj. Kun evidenta amo li rigardis la urseton, kaj forte ĉirkaŭbrakis sian Dingo kies korpo aspektis bruna, elfrotita kaj tre eluzita. Ion li babilis al la urseto, sed estis neaŭdeble pro la bruo de aŭtomobiloj. Ŝajnis ke la knabo ekflugos kun Dingo laŭlonge de la strato pro la plezuro.
La kompatinda ciganino havis la plenajn okulojn je larmoj, ŝi paŝis peze, rigardante sube. Post kelkaj stratanguloj la fileto montris al ŝi grandan altan konstruaĵon kaj diris:
-Panjo, proksime de tiu ĉi domego apud ujo por malpuraĵoj ĉi matene kiam mi iris al la vendejo por aĉeti panon, mi trovis mian Dingo sur la pavimo. Mi prenis ĝin, ĉar ĝi tuj tre plaĉis al mi.
Neniu el la preterpasantoj en tiu ĉi urbeto povis supozi kiom la fileto estis feliĉa kaj ŝia patrino - malfeliĉa.

Verkis en Esperanto
Branka Leontiĉ
Ŝabac - Jugoslavio

# ...Bulgario

## BULGARAJ MEMORAJOJ

La artmetioj en Bulgario havas longjarajn tradiciojn. De pratempo bulgaraj majstroj skulptis kaj brulĉizis lignon, forĝis mirindajn formojn el fero kaj kupro. Lertaj virinoj teksis fantaziajn planktapiŝojn, brodis originalajn brodaĵojn. Per freŝaj koloroj ili reproduktis la belecon de la naturo. Nuntempaj majstroj sekvis la tradiciojn kaj daŭre ellaboras verkojn kun perfekta kaj moderna gusto. Diversaj entreprenoj, heredantoj de branĉoj de la bulgara aplika arto, konservas kaj disvolvas la plej bonajn popolajn metiojn, kontentigas la kreskantan serĉadon de memorajoj, art- kaj metiproduktoj je interna kaj internacia bazaro.
Turistoj el la tuta mondo invadas nian landon ĉiujare. Krom la vojaĝajn kaj restad-impresojn, ili ŝatus kunporti memorajojn por si mem aŭ por siaj gefamilianoj, amikoj... La eblecoj estas riĉaj. Magazenoj plenaj je memorajoj malfaciligas al la aĉetantoj la taskon. Kion elekti?! Decidu mem! Sed, certe la plej aĉetata objekto estas la pupo. Ĉu eta aŭ pli granda, kun buntkolora vestaĵo, ĝi eniras la turistan valizon kaj ekvojaĝas al diversaj terangulo j por porti ĝojon kaj varmecon el nia suna Bulgario! Pupoj, prezentantaj la





nacian vestaĵon el landaj regionoj. Ne mankas originalaj pupoj - memorajoj, la t.n. "kukeri" - (maskitoj), anka ege buntkoloraj.
Ŝatataj aĉetobjektoj estas la tablokovriloj el nacia teksaĵo - kvadrataj aŭ rektangulaj, la brulĉizitaj skatoloj en diversaj grandecoj, lignaj cigaredingoj.
Jam pli multekostaj estas la arta teksaĵo kaj la tapiŝoj mane ellaboritaj en nacia stilo el la regionoj de urboj Kotel kaj Ciprovci. Ne forgesu la ĉarmajn virinajn bluzojn kaj virajn ĉemizojn, famajn pro ĝia mirinda, tipe bulgara brodaĵo.
Aparte allogas per sia varieco la ornamaĵoj - ili povus esti faritaj el ledo, fero -. Ornamitaj per ŝtonoj - broĉoj, ringoj, kolĉenoj, kolieroj - ĉiam mane ellaboritaj, bruldesegnitaj, brulgravuritaj.
La ceramiko, la tapiŝoj, la teksaĵoj, objektoj el forĝita metalo - ĉiuj tiuj produktoj, per sia individueco kaj originaleco elradias specialan varmon kaj aldonas agrablan komforton en la hejmo.
Kaj fine, jen bukedo el miloj da rozoj - la bulgara rozoleo, kies kultivado kaj produktado povus esti aparta temo. Nun oni devas nur diri, ke unu kilogramo da rozoleo estas ricevata el tri tunoj da rozfloroj. Imagu, kian bukedon vi

prezentas al via amikino, donacante al ŝi nur unu gramon da rozoleo!. Plej aĉetata estas la rozesenco - facila alkohola solvaĵo de la oleo.
Veran plezuron kaj riĉajn impresojn donas la ekspozicioj, organizataj je diversaj niveloj. Ilin partoprenas aplikiertaj pentrartistoj, famaj popolaj metimajstroj kaj metiistaj kooperativoj. Miloj da objektoj trovas lokon en ili. En multenombraj ĉambroj oni ordigas kaj prezentas eksponaĵojn.



Jen lignaj objektoj, faritaj de majstroj el urbo Tetevenege, kapablaj lignoĉizistoj. Ili memorigas sukcenkoloraj vinberojn, kampoflorojn, foliojn de nevelkiĝanta hedero. Kaj ĉiu tiu beleco estas lerte ĉizita en la molaj lignaj faldoj!...
Longharaj lankovriloj, t.n. "Haliŝta", "Kozjaci" allogas per siaj buntaj koloroj, saĝe elektitaj kaj ordigitaj en mirindajn kombinaĵojn. Certe ili ĉeestas en ĉiu bulgara domo.
Hejme faritaj (teksitaj) plaktapiŝoj, t.n. "ĉergi", tuj kaptas la okulojn kaj ravas per sia kvalito kaj ordigo en la koloroj. Ŝajnas, ke la sunaj radioj falis sur ilin!...
Farboj, farboj!... Ili ĉiuj estas ricevitaj el pure naturaj plantoj - folioj de persikarboj, ŝtona likeno, ŝelo de alno, ranunkolo, verdaj ŝeloj de nuksoj k.t.p. Jes, naturo-riĉaj koloroj!...
Por la ŝatantoj de popolaj muzikinstrumentoj estas montritaj elegantaj guloj, ellaboritaj de majstroj el urbo Karlovo. Ne estas forgesitaj la homoj, kiuj ŝatas sidi kaj ripozi apud kameno - por ili estas prezentitaj interesaj kaj variaj objektoj el forĝita fero. Brilas kupraj teleroj, glasoj, trinkvazoj, bokaloj, servicoj. Oni diras, ke la plej bongusta kafo estas tiu farita en ruĝa kafobolujo. Majstroj de kupraĵoj estas la majstroj de Rodopi-montaro.
Pendigitaj sur la muro oni povas vidi telerojn el ligno aŭ ceramiko - riĉe ornamitaj ĉu per diversaj elementoj de floroj, branĉoj aŭ en tute nova moderna stilo.
Vi forlasas la ekspozicion. Ĝi memorigas al vi la freŝan aeron ĉe nia Nigra Maro, en niaj montoj, la aromon de niaj fruktoj, floroj, la muzikon de niaj kantoj kaj dancoj, la varman koron de niaj homoj!.

Sofio, Junio - 1989
Lilija Koleva

# ...Nederlando

## KATALUNIO

La granda monumento, landlime inter Francio kaj Hispanio, estas saluto al la katalunoj. Ĉiujare pasas tie kvin milionoj da aŭtoj. Katalunio estas partŝtato de Hispanio, havante ses milionoj da loĝantoj. Car ankaŭ en la Franca Rusilono, en Andoro, Aragono, Valencio kaj sur Balearoj, ok milionoj da homoj parolas la Katalunan lingvon. La Katalunoj gastame akceptas vin. La animo de la lando vivas en la -ekde la Mezepoko konata- 1000-jara benediktana monaĥejo en Montserrat, kien ĉiujare pilgrimas miliono da homoj. En hela tago videblas de tie la tuta Katalunio. La plej malnova provinco estas Girono, fortikaĵo kun firmaj remparoj kaj romiaj turoj, kiu estis sieĝata 15 fojojn. Ĝi estas agrabla haltejo. Torento de dek kvin milionoj da turistoj ĉiujare venas al "Costa Brava", triono el la tuto de la turistoj en Hispanio. Pli aŭtentikan Katalunion oni trovas en la malpli konata "Lleida", la plej fekunda regiono.

kurioza estas la akvodukto en Suda Taragono. Onidire tra tiu haveno disvastiĝis la Latina lingvo kaj la romia civilizacio. Naskiĝis tie Pontius Pilatus, kaj kelkaj jaroj poste albordiĝis Paŭlus. Nun la lastkreskanta sektoro estas la ĥemia. Ekzistas planoj por ekster-marborda oleekspluatado. Katalunio produktas la duonon de la ĥemiaĵoj en Hispanio.
En "Valls", kiel bizara sporto, oni konkuras "konstrui" vivantan piramidaĵon. "Staplas" sin homoj ĝis 7-8 personoj alta. Ili nomas sin la "kastelkonstruantoj". En la provinco Barcelono vivas 4,5 milionoj da homoj, el kiuj 3 milionoj en la ĉefurbo. Kolumbo elrigardas sur la havenon. Sekve de lia malkovro antaŭ 500 jaroj, la komerco translokiĝis de Mediteraneo al Atlantiko. La prospero iris al Seviljo kaj Madrido.
En la ĉefurbo okazos la olimpiaj ludoj ekde la 25-a de julio 1992. Barcelono kandidatiĝis ankaŭ en la jaroj '24, '36 kaj '72, kaj oni entuziasme akceptis la nunan elekton. Senprokraste 100.000 personoj libervole pretis, senpage kunlabore konstrui la grandan stadionon.
Inter cirklo ĝis kvin kilometroj oni ekkonstruos pliajn stadionojn kaj sport-instalaĵojn. Apud la haveno "leviĝos" loĝejoj por 15.000 atletoj, kuracistoj, arbitracistoj kaj ĵurnalistoj. Ĝis nun kadukaj fabrikoj, deponejoj kaj trajnrelоj formis tie la pejzaĝon, Barcelono profitas de la cirkonstancoj malfermi la urbon maren per nova kvartalo kun promenejo kaj



jaĥthaveno, ke la urbo fariĝu komerc-metropolo de sudeŭropo. En la nostalgia centro de Barcelono, malantaŭ la kadukaj fasadoj, ofte vivas la malriĉuloj. 20 % el la metiistoj estas senlaboraj, en iuj kvartaloj ĝis 40 %. Sed en la bona klimato kaj en suda dekoracio ĉiam "mañana" fariĝos pli bone. En "Ramblas", kilometrolonga aleo meze en la urbo, oni sin distras ĝis profunde en la nokto. En iu kvartalo, kie ĉefe loĝas elmigrintoj el Andaluzio, prosperas drinkejoj kaj bordeloj. La urba estraro volas renovigi la kvartalon, ke la granda publiko trovu ordan urbon en 1992.
Anta 100 jaroj nova urboparto estis konstruita en formo de damtabulo. Ĉiu ĉelaro havas flankojn 133 metrojn longaj. La tuto pensigas pri Parizo. Ĉe la metro-stacio sur la "Placo de Katalunio" albrilas vin la bankoj, ĉar da tiuj estas nekredeble multaj. En la "Passage de Gracia" vi povas vin regali en luksaj vendejoj, speciale per vestaĵoj. Tio ne estas miriga, ĉar jam 200 jarojn Barcelono estas la teksaĵejo, ordonanta la mondon.
Ankaŭ rimarkinde estas la arkitekturo. Ekzemploj estas la domo el 1904 de Gaŭdi kaj lia nefinkonstruita katedralo, kiu ankoraŭ estas dekoraciata. La "Sagrada Familia" donacas la monon por la elkonstruado. Ĉi momente artisto laboras bildigi per 100 skulptaĵoj la lastajn 3 tagojn de Jesuo. Kaj la moderna arto estas neelĉerpebla. Estas muzeoj de Salvador Dali kaj Pablo Picasso, kiu ĉi tie pristudis la pentroarton. Malnova cementfabriko fariĝis arkitekturejo. Grupo da junaj arkitektoj skizis konstruaĵojn por la 21-a jarcento. Ameriko, Francio kaj Arabaj landoj mendas. Hodiaŭ oni antaŭ ĉio laboras pri serio da projektoj por la olimpiaj ludoj de 1992.
Atentotene, kiel multo en la 1000-jara Katalunio.

Elisabeth Vuurmans

# Poezia Angulo

## La Ĝojo de l' Esper'

Mi renkontis sur mia vojo
koron, kaj mi ĝin demandis:
- Kial vi estas tiel ĝoja, mia frato?
- Mi estas ĝoja ĉar mi havas fidon.
- Ĉu vi amas la vivon?
- Ĉar ĝin amas mi tiom
mi lernis revi.
- Kaj ĉu vi esperas ion?
- Ĉion, kion ĉiuj esperas.
Estas bele esperi!

Esperi sen laceco, esperi ĉiam;
Meti sur nian padon
la malkvietecon de dezirego kaj la plian
karitaton de oferdono.

Kaj travivi la ĉarmon de la horoj
kiuj estos alvenontaj,
ĉar oni dufoje travivas unu momenton
se oni scias esperi.

Estas enigmo la estontaj horoj
kie vivas, mallibera, la iluzio.
Kiam nenion oni esperas, estas la koro
entombigita plena de vivo.

Verkis:
Luis Menéndez "Lumen" (1)

Esperantigis:
María Luisa Menéndez

(1) Pri ĉi tiu astura poeto ni publikigis malgrandan biografion en Heleco numero 50 (3) Majo-Junio 1986.

# Ripozu, Prezidantino Pasionaria!

PREFERENDAS STARE MORTI OL SURGENUE VIVADI! Tiu ĉi frazo proklamita en mitingo en Parizo dum la hispana civil-milito (1936-1939) disaŭdiĝis tra la tuta mondo. La hispana komunista liderino kiu pronocis ĝin tre estis konata en sia lando kaj tiam komencis esti prestiĝa figuro de la Komunista Movado ankaŭ mondskale. Sia slogano NO PASARAN! (ILI NE VENK-PASOS), temante pri la ribelintaj hispanaj faŝistoj, fariĝis devizo de la revoluciaj fortoj rezistantaj kontraŭ la faŝismo, la koloniismo kaj la imperiismo en multaj mondpartoj.

Dolores Ibarruri (Pasionaria) enkarnigis dum ĉi tiu jarcento ne nur la penbataladon de la komunistaj fortoj en Hispanio kaj en la mondo, sed ankaŭ la popolan emon al justeco kaj libereco. Ŝi bone komprenis kaj alprenis tiun taskon, tiun rolon. Iam ŝi diris:



*Per mi parolas la jarmila doloro de la amasoj subpremitaj, ofenditaj, senigitaj de ĉiu ĝojo, de ĉiu rajto; mia voĉo krias la ribelon de popolo kiu volas ne esti sklava, kiu portas en la fundo de sia animo emon je libereco, kulturo, bonstato kaj progreso.*

Tiun voĉon mi komencis aŭdi en mia infanaĝo; mi aŭskultadis ĝin tra radio-aparato. Ekde Prago la "Pirinea" radio-stacio de la hispanaj komunistoj paroladis al popolo piedpremita de la faŝista reĝimo de F.Franko. La reakciaj fortoj venkis en la civilmilito kaj poste, dum preskaŭ kvardek jaroj la hispana popolo restis senigita de siaj politikaj rajtoj kaj submetita al senbrida kapitalisma subpremado. Ŝajne "ili", la malamikoj de la popoloj, venk-pasis, kontraŭante la profetaĵon de nia kamaradino. Sed ŝia voĉo estis aŭskultata, nokto post nokto dum longaj jaroj, de iuj homoj obstine kredantaj ke spit' al ĉio la Historio antaŭenmarŝas al ŝia destino de homa progreso. La voĉo de Pasionaria estis la ĉefa instigilo al la agado por tiuj kamaradoj kiuj kaŝe kaj eksterleĝe restarigis la komunistajn vicojn en nia lando kaj organizis la popolan reziston kontraŭ la faŝista povo.

Dum tiuj nigraj jardekoj la Komunista partio de Hispanio estis la ĉefa (iam eĉ la sola) politika forto kiu batalis organizite kaj konstante kontraŭ la frankisma reĝimo. Ĉiuj aktivuloj dezirantaj ion fari favore al la demokratio kaj la progreso en nia lando nepre enkadriĝis en la vicoj de la komunista organizaĵo. Ili konstituis la manojn kaj la piedojn de la hispana Komunismo. La gvidantoj, la cerbo de tiu organizaĵo, troviĝis parte en la landa teritorio kaj ĉefa parto en fremdaj landoj. Kaj la animo, la koro de tiu rezista movado troviĝis tie kie troviĝis Dolores Ibarruri. Iam, renkontante kun ŝi, la soveta gvidanto N.Kruŝĉev diris: Jen, ĉi-tie estas la vera vizaĝo de la hispana popolo!. Dum la longa periodo 1939-1977 ŝi multe vojaĝis kaj intervidiĝis kun la komunistaj lideroj de la tuta mondo: Stalin, Maŭ, F.Castro, Togliatti, Duclos... kaj kun aliaj internaciaj altranguloj, kaj reprezentis la ekzilitan hispanan kompartion en gravaj internaciaj kongresoj kaj forumoj. Konstante ŝi batalis favore al la idealoj de la socialismo, de la paco, de la emencipado de la subpremitoj, de la egaleco -ne nur de la laboristklaso

sed ankaŭ de la virinoj-. Kiel komunista gvidantino, kiel liderino de la laboristklaso, kiel parlamentanino de Asturio en du okazoj (antaŭ la milito kaj post la restarigo de la demokratio), ĉiam ŝi estis fidele plendediĉita al tiuj altaj celoj.
Kelkaj kongresoj de la hispana K.P. okazis eksterlande dum en Hispanio ofte la ĵurnalaro informadis pri la enkarcerigo de komunistaj aktivuloj. Laŭlonge de la frankisma periodo fariĝis pli kaj pli ofta la enkarcerigo de komunistoj kaj ankaŭ pli kaj pli intensa la aktivado de la komunistoj. Senĉese kreskis ilia nombro. Dolores Ibarruri gvidis tiun katakomban kompartion unue kiel Ĝenerala Sekretariino kaj poste kiel Prezidantino. En mondo kiu tre ŝanĝis dum la lastaj jardekoj ŝi restis kiel prestiĝa figuro de la 3-a Komunista Internacio. Sed tiam ŝi estis iom pli ol historia figuro; ŝi daŭre estis vivanta historio kaj historio-faranta. Sub ŝia gvidado la hispana kompartio entreprenis gravajn iniciatojn por la agado en la nova situacio: ĉesigo de la gerilana batalado, alpreno de politiko de Nacia Repaciĝo... Tiurilate estas menciinde ke ŝi ĉiam vidis klare la neceson de ŝanĝoj kiuj nur lasttempe estis/as entreprenataj en la komunistaj reĝimoj. Por ŝi Soveta Unio estis la dua patrujo; tie ŝi vivis dum multaj jaroj, tie mortis ŝia filo defendante Stalingradon kontraŭ la germanoj dum la 2-a Mondmilito, tie naskiĝis ŝiaj nepoj. Tamen kiam en 1968 okazis la soveta invado al Ĉeĥoslovakio por meti finon al la komunista procezo nomata "Praga Printempo", ŝi ne hezitis prezidi delegacion de la Hispana Komunista Partio por plendi antaŭ la aŭtoritatoj de la Kremlo pro la soveta interveno. Klare ŝi vidis ke la irado al la Socialismo kaj al la Komunismo okazos en libereco aŭ ĝi ne okazos.
Por ŝi ĉiam estis klara "La Sola Vojo" (tiel titoliĝas sia biografia verko) kiun oni devas sekvi por atingi la idealon de la homaro. Multe ankoraŭ oni devas trairi sur tiu vojo, kaj ne mankas en Hispanio la homoj kapablaj persisti en tiu marŝado, sed la pasinta 12-a de novembro, je la 19-a horo kaj kvarono estingiĝis la torĉo kiu prilumigis tiun vojon. Tamen nun ŝi vivas kaj bril-lumas en multaj miloj da homoj kies ĉefa vivo-kialo estas penlabori kaj batali por la celoj de la homaro.



En la grandamasa ceremonio de ŝia funebraĵo, en la adiaŭa diskurso al ŝi, la Ĝenerala Sekretario de la K.P., Julio Angita, inter alie diris:
*Dolores; vi faris ekde via partio ion eksterordinaran: transcendi, superi ĝin. Vi, ekzemplodona komunistino, apartenas al ĉiuj: al tiuj kiuj levis la pugnon kaj al tiuj kiuj faris kruco-signon. Vi eksplikis al ni politikan lecionon: ke des pli oni estas komunisto ju pli oni estas por la popolo. La partio ne organiziĝas por si mem sed por la ceteraj...*
*Antaŭ vi, Prezidantino, ĝi ricevas vian lastan diskurson. Kun la kora pasio kiun vi, Pasionaria, metis en la celo de la homa emancipado. Kun la sereneco postulata de la pripensado. La P.C.E., via P.C.E. plifirmiĝas en ĉio kio konstituis vian vivo-celon de batalantino. Ni estos la politika forto komunista kiun la nuna situacio postulas...*
*Dormu, kunbatalantino Ibarruri. Ripozu, kamaradino Pasionaria. Mallaciĝu, Prezidantino. Sonĝu dolĉe, patrino Dolores!.*

*Novembro 1989*
*Faustino Castaño Vallina.*

# La homa konfliktemo.

daŭrigo de la Kongresa Konferenco de Luis Serrano.

Alvenis la momento de la rabado; unu tribo ŝtelis al la aliaj la rikoltitajn cerealojn kaj la ilojn por labori la grundon. Konkrete oni povas diri, ke ĝeneraliĝis la milito inter la homoj. La tiutempaj estroj celis pligrandigi siajn posedaĵojn kaj meti al sia servo kiom eble plej multe da homoj. Por tion atingi oni uzis, kiun ajn rimedon. Tre malproksima, sed ĝi estis la komenco de nia erao, kun ĉiuj difektoj kaj malmultaj virtoj, kiuj bedaŭre alvenis ĝis niaj tagoj, ĝis nun.
En la vivo de la homo ĉiam estis io, kio montris la evoluon de nia vivo. Se unue estis la fajro, poste estis la agrokulturo kaj konsekvence la laboro. Estis alia momento, laŭ mia opinio, kiu meritas ĉies konsideron, por plej bone kompreni nian situacion. Nu, ĉi tiu nova limo estis la malkovro de la rado. Laŭdire tiu teknika malkovro apartenas al la ĉinoj. La rado estis la unua provo de la homo por anstataŭi la homo mem. Tiu grava problemo, kiu nuntempe skuas nian socion. La rado estis tiutempe ankaŭ revolucia eltrovaĵo. Sendube malmulte, sed la homo jam komencis liberiĝi el la plej pezaj laboroj. Tiu invento, nediskuteble anstataŭis la homon en la laboro. Do, tiu kiu posedis multajn radojn kaj konsekvence ĉarojn havis ekonomian povon, sur tiuj kiuj ilin ne posedis. La rado alportis la eblecon itiligi la bestojn por multaj diversaj laboroj. Do, la kapitalo ampleksigis siajn posedojn. La rado alportis ankaŭ la eblecon por plej bona komunikiĝo inter la popoloj, ĉu komercaj aŭ kulturaj, sed bedaŭrinde ankaŭ estis la instrumento, kiu multe ebligis la militojn. La homoj, aŭ la regantoj, komencis organizi verajn armeojn surrade. La militoj estis multe pli oftaj kaj la konfliktoj ekonomiaj kaj laboraj rapide pligrandiĝis. La radoj, la ĉevaloj kaj mulinoj, kiuj trenis la ĉarojn, en multaj okazoj estis multe pli valoraj ol la homo mem.
La homo devis komenci rigardi la progreson, kiel ion nekonvenan al li. Tio jam estas pensomaniero, kiu alvenis ĝis nun. Kvankam tuj oni devas diri, ke nun bone oni scias, ke la aplikado de la progreso devas baziĝi sur aliaj formoj. La rado estis la vera fundamento de la industrio. Eĉ ni ĉiuj konas la diraĵon -ĉi tio marŝas, kvazaŭ sur radoj-, sendube tiu esprimo estas tiom malnova kiel la rado mem. Sed en multaj okazoj, ne estis unike la bestoj, kiuj trenis tiujn radajn ĉarojn. Ankaŭ oni uzis la homojn por tiuj laboroj. Do, la progreso estis sole relativa. La diferencoj sociaj kaj ekonomiaj inter kapitalo kaj laboro pligrandiĝis. La tero, la grundo estis la precipa riĉeco. La rado kaj ĉio, kion ĝi reprezentis donis la eblecon por ke la kapitalo pligrandigu sian povon. Konkrete la rado estis unu el la plej gravaj inventoj de la homo, invento, kiu ne ĉiam lin favoris, nek favoras. Sed evidente, mi ne kulpigas la radon en si mem, sed tiujn. Kiuj posedas la povon ĝin ruligi.
Alia erao en la vivo de la homo estas tiu, kiu alportis la elektra kurento. Verdire ni ankoraŭ troviĝas en la etapo de la elektro. Nuntempe ĉio dependas de la elektra kurento. La uzado de ĉi tiu energio, transformis komplete la vivon. La avantaĝoj de la radoj estas aplikataj al la novaj maŝinoj, kiujn la elektra kurento disponigis al la homo. Finiĝis parte la lukto por la posedo de la tero, de la grundo kaj komenciĝis la starigo de grandaj imperioj industriaj. La homoj ŝanĝis parton de ilia tradicia vivo. La laboranta klaso estis devigata lerni aliajn labormetodojn por vivi. La agrokulturistoj devis iri al la grandaj industrioj. Komenciĝis la amasigo de la homoj. Laborantaj en malbonaj kondiĉoj, en industrioj per kiuj la kapitalo-posedantoj celis kaj evidente ankoraŭ celas, la pligrandigon de ilia povo. Antaŭ tiu situacio naskiĝis la organizaĵoj de la laboro kaj naskiĝis nova sociordo. Du grupoj regis la vivon, nome, la laboro kaj la kapitalo. Komenciĝis la kontrastoj, la luktoj, la postuloj. Se antaŭe la lukto estis por la posedo de la tero, kiel en la feŭda epoko, la elektra kurento alportis novan sistemon de povo, kaj lukto.
En malgranda spaco de tereno, oni povis konstrui aŭ starigi industrion, kiu donis al la posedanto grandan povon kaj monon. Je alia flanko multaj homoj devis labori dum longaj horoj per minimuma salajro. Jam ne plu estis simpla postulo de terenpeco, kiu eĉ se luita donis al la agrokulturisto la eblecon rikolti la necesajn cerealaĵojn por la manĝado. La alfluo de la kamparuloj al la industriaj centroj kreis aliajn vivokondiĉojn. Oni devis serĉi loĝejon, oni devis aĉeti ĉiutage la manĝaĵojn K[illegible] oni devis zorgi por ke la laborposteno estu konstanta. La labora grupo prave opiniis, ke oni devas plibonigi siajn laborajn, ekonomiajn kaj kulturan situaciojn. La konfliktoj ekonomiaj kaj laboraj estis konstantaj inter ambaŭ grupoj. Kaj verdire tiuj konfliktoj, tiu situacio estas nuntempe nia ĉiutaga pano. Malgraŭ ĉiuj novaj alternativoj de energioj, la elektra kurento estas tiu kiu regas nian ekonomian disvolviĝon. La tekniko kaj la scienco alportis novajn maŝinojn, eĉ novajn laborsistemojn. Ĉu en la estonteco, kun aliaj energiaj sistemoj la konfliktoj inter la homoj estos aliaj, aŭ eble ne plu estos malakordoj?.
Ĝis ĉi tie, jen rapida analizo de la homaro, de la vivo de la homoj en la diversaj tempoperiodoj, kiuj iel grave influis en la ekonomio kaj en la laboro kaj konsekvence inter la rilatoj de la homoj. Ĉio dirite, estas la fundamento de nia sociordo nome: ekonomio de merkato. Ĝi ja estas nia heredaĵo. Nia

socio konsistas el du gravaj grupoj, la laboro kaj la kapitalo. Alivorte oni povas diri: malmultaj homoj, kiuj ĉion posedas kaj la plej granda parto, kiu apenaŭ posedas iom aŭ eĉ nenion. La plej grava grupo estas la labora; de ĝi dependas la tuta ekonomio. Sen ĉi tiu grupo ne povas ekzisti nia sociordo, nek iu alia socio. De la klopodoj de ĉi tiu grupo vivas la ceteraj homoj, kiuj konsistigas nian socion. Se la labora grupo ĉesus sian aktivadon, tuj la vivo paraliziĝus. Estus nenio por manĝi, nek maŝinoj, nek tio plej necesa por la homa vivo.
La alia grupo estas la kapitalo. La kapitalo estas kvazaŭ la benzino, kiu movigas la maŝinojn. La kapitalo posedas la financajn rimedojn por ke ĉio funkciu, por ke ĉio iru antaŭen. Tamen vole aŭ ne vole ĉi tiu grupo devas ĉiam havi la konsenton de la labora grupo; sen la konsento de la labora grupo la kapitalo havas nenian povon. Trompiĝas tiuj, kiuj pensas, ke la forto de nia sociordo dependas de la kapitalo. Mi tute simple povas diri al vi, ke analfabeta masonisto povas konstrui domon, sed la plej riĉa homo de la mondo ne povas konstrui domon, se li ne scias uzi la masonilaron, malgraŭ lia financa aŭ kapitala povo. Estas evidente, ke ĉi tiuj pensoj troviĝas en la limoj de la malinterkonsentoj inter la du grupoj.
En socia sistemo, eble kun multaj problemoj, kiujn ni ne analizos ĉi tie, fakte interkonsento ĉiam estas inter la du grupoj, ĉar alimaniere la vivo apenaŭ estus ebla. En nia industria sociordo la povo de ambaŭ grupoj estas grandega. Je unu flanko la labora grupo troviĝas en la grandaj urboj kaj loĝanta en kvartaloj de ĉi tiuj urboj, kio donas al ĉi tiu grupo solidan bazon por interkonatiĝo pro la ĉiutaga kunvivado kaj komuna laborado, kun la samaj problemoj. Je la alia flanko, la kapitala grupo konsistas el malmultaj personoj, kio donas al ili, ankaŭ solidan forton kiam prezentiĝas la momento interkonsenti kun la labora grupo.
Estas tempoperiodoj en kiuj la rilatoj de ĉi tiuj du grupoj estas toleremaj kaj okazas ne gravaj konfliktoj, dume en aliaj momentoj la rilatoj estas tiom malbonaj, ke la socio tremas antaŭ ĉi tiu situacio. Tamen kaj malgraŭ ĉiuj konfliktoj laboraj kaj ekonomiaj, el la kontakto de ĉi tiuj du grupoj aperas la nomata, nacia rento. Ĝi simple estas la produkto de la laboro kaj de la kapitalo kunaj. Kaj la nacia rento estas la vera "ĉevalo de Trojo" en nia socio. Ĉiu grupo deziras eltiri por si la plej grandan parton. Ĝi estas la eterna batalo de nia socio kaj malgraŭ ĉiuj projektoj por mildigi la situacion neniam oni atingas kontentigan solvon, kaj oni devas diri, ke neniam estos interkonsento. Neniam estos paco inter ambaŭ grupoj, ĉar la filozofio mem pri la laboro kaj la kapitalo en nia sociordo estas ĉiam koliziaj.
Tuj kiam aperas la nomata nacia rento, ankaŭ aperas alia grava grupo nome, la ŝtato, per kiu entute estas tri grupoj konsistantaj nian socion. La ŝtato ankaŭ deziras sian parton el tiu torto kaj tuj komenciĝas la eterna diskutado kun la aliaj du grupoj. La ŝtato starigas la famajn impostojn, kiuj estas vera fonto de konfliktoj. La rilatoj inter ĉi tiuj tri grupoj estas diversaj kaj neniam estas plena interkonsento. Oni devas diri, ke la ŝtato ĉiam apartenas al la grupo de la kapitalo, ĉar ĝi jam havas multajn dungitojn, precipe en la tria sektoro, tio estas, la serva. Tamen okazas tre ofte, ke ĉiu grupo batalas por siaj propraj interesoj, sed en tiu batalado fine kaj ĉiam la ŝtato unuiĝas al la kapitalo.
Laŭ mia opinio, al la kapitala grupo apartenas tiu homo, kiu dungas alian homon, eĉ se la dunganto havas multajn financajn problemojn. Al la labora grupo apartenas ĉiu homo, kiu estas dungata, ĉiu homo, kiu ricevas salajron. Estas evidente, ke en la labora grupo ekzistas homoj, kies rento estas multe pli alta ol tiu de multaj homoj apartenantaj al la kapitala grupo. Kaj inverse en la kapitala grupo estas multaj membroj, kies rento estas malpli alta ol tiu de iuj dungitoj. Tiu problemo kreas verajn konfliktojn ekonomiajn, se tion oni analizas laŭ ekonomia vidpunkto por la imposta pago. Mi devas ripeti, ke el la tri grupoj la plej forta estas la labora grupo, kvankam preskaŭ ĉiam estis ĝi, kiu eltiras malbonajn profitojn. La rilatoj inter la kapitalo kaj la laboro neniam estas bonaj. La kapitalo neniam kontentiĝas kun siaj profitoj kaj la labora grupo pledas por pli alta salajro. La ŝtato en ĉi tiuj konfliktoj, kaj kolektanto de la impostoj ĉiam estas malakorda kun la kapitalo kaj la laboro. En la kapitala grupo ĉiam ekzistas malkonsento inter sia membraro, ĉar ĉiu membro intencas ruinigi la alian, pere de plej bona konkurenco kaj ni ne diru pri la batalo en la financa tereno. Tamen, kiam la konfliktoj estas inter aŭ kontraŭ la aliaj du grupoj, la kapitalo ĉiam aperas forte unuiĝinta, precipe se temas pri la labora grupo.
Male okazas en la labora grupo. En la sino de ĉi tiu grupo apenaŭ ekzistas konfliktoj, sed kiam oni devas prezenti batalon kontraŭ la kapitala grupo aŭ la ŝtato, preskaŭ ĉiam la labora grupo aperas, malunuiĝinta.
En ĉi tiuj konfliktoj laboraj kaj ekonomiaj la ŝtato, preskaŭ ĉiam aperas marĝene, sed iom post iom ĝi ĉiam metas sin flanke de la kapitalo. Oni devas diri aŭ rimarki, ke la ŝtata grupo povas malaperi laŭ deziroj de la aliaj du grupoj. Do, povas okazi tio, kio estas konata sub la nomo ĝenerala voĉdonado, sed ĉar tiu voĉdonado neniam temas pri ŝanĝo de nia sociordo, el tio rezultas, ke pli aŭ malpli oni ĉiam restas en la sama situacio.



daŭrigota...

# La Verda Komisanejo

**OFICIALA KOMUNIKO**

**Lingvopolicanoj apartenantaj al la lingvodefenda taĉmento "Verda Stelo" arestis lastatempe la lingvoteroristojn, kies nomoj kaj deliktoj aperas en la ĉi-suba listo.**

**Distrikto de "BOLETIN", n-ro 289.**

- La t.n. DE kaj LA, kiuj ne alkuris dejori inter s-roj BILBAO kaj 17-a en la 2-a linio de la paĝo 3.
- La t.n. TIEL, kiu tute sennecese sin metis en la komenco de la 11-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. LUKSA, kiu aŭdacas sin ornami per la finaĵo "n" en la 14-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. PO, kiu, anstataŭ dejori inter s-roj MANGOJ kaj 2.700, uzurpis la metion de s-ro POR en la 15-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. PERSONE, kiu uzurpas la rolon de s-ro PERSONO en la samaj linio kaj paĝo.
- La t.n. ĜIA kaj PREZO, kiuj aŭdacas paradi per la finaĵo "j" en la samaj linio kaj paĝo.
- La t.n. PIEDE, kiu uzurpas la profesion de s-ro PIEDIRANTE en la 16-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. PER, kiu ne alkuris dejori inter s-roj KONTRIBUAS kaj SURSTRATAN en la 24-a linio de la paĝo 4.
- La t.n. SURSTRATA, kiu aŭdacas paradi per la finaĵo "n" en la linioj 24-a kaj 25-a de la sama paĝo.
- La t.n. FLORTAPIŜO, kiu agas same en la 25-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. LABORLINGVOJ, kiu aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 14-a linio de la paĝo 5.
- La t.n. SIAJ, kiu agas same en la samaj linio kaj paĝo.
- La t.n. DESPERA, kiu ne kapablis pruvi sian identecon dejorante en la 7-a linio de la paĝo 8.
- La t.n. DESPERE, al kiu okazis la samo en la 10-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. ENAMORIĜI, neterulo, kiu uzurpas la postenon de s-ro ENAMIĜI en la 8-a linio de la paĝo 9.
- La ensenmblo PARTOPRENI KONGRESON DE SIA GVIDANTO, kiu uzurpas la podion de la ensemblo KE SIA GVIDANTO PARTOPRENUS EN LA KONGRESO en la 16-a kaj 17-a linioj de la sama paĝo.
- La t.n. YUGOSLAVA, neterulo, kiu uzurpas la metion de s-ino JUGOSLAVA en la 12-a linio de la sama paĝo.
- La paro ĈI kaj KAZE, kiu uzurpas la rolon de s-ro ĈI-KAZE en la 9-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. LA, kiu ne alkuris dejori inter s-roj VERDIRE kaj KONGRESANOJ en la sama linio kaj paĝo, nek inter s-roj DE kaj PLEJ kaj inter s-roj EL kaj KONGRESANOJ en la 21-a linio de la sama paĝo.
- La paro PLEJ kaj MULTO, kiu uzurpas la taskon de s-ro PLEJMULTO en la samaj linio kaj paĝo.
- La t.n. DANK', kiu aŭdacas aperi sen la deviga apostrofo en la linioj 24-a kaj 29-a de la sama paĝo.
- La t.n. TRAKOŜEA-N, kiu ne kapablis klarigi sian rolon nek sian identecon en la 25-a linio de la sama paĝo.
- La paro EN HISPANIO, kiu uzurpas la metion de la paro LA HISPANAJ en la 29-a linio de la sama paĝo.
- La t.n. BASKOJ, kiu uzurpas la rolon de s-ro VASKOJ en la 34-a linio de la sama paĝo.

Post unutaga restado de tiuj lingvoteroristoj en la PIV (Punaj instalaĵoj por Vortfuŝistoj) kaj ricevo de po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliajn vertojn, ili tuj estis liberigitaj.

Esperburgo, la 4-an de novembro 1989.
LA ĈEFKOMISARO
Al Zibiades













## Tinĉo en Esperanto - 2-a volumo

Daŭras la esperantigo de la famaj bildstriaj Tinĉo-aventuroj verkitaj de Hergé. Laste alvenis ĉe ni la volumo *La nigra insulo*, dua kiu estis tradukita al la Internacia Lingvo. Gia teksto kaj prezentado tiom estas fajna kiom je la antaŭa numero *La krabo kun oraj pinĉiloj* kies apero ĝojigis nin antaŭ pluraj jaroj.
EsperebIe pludaŭros la eldonado de tiu bela kolekto kiu tiom plaĉas al la geinfanoj de ĉiuj landoj kaj ankaŭ al tiuj -kiel ni- kiuj eliris el la infanaĝo antaŭ kvardek jaroj kaj eĉ pli.























# 3ª ASTURA ESPERANTO-KONGRESO

## Gijón, 28 al 30 Abril 1990



# 3er CONGRESO ASTURIANO DE ESPERANTO

**Kongresejo: CATEDRA 'JOVELLANOS' DE EXTENSION UNIVERSITARIA**

Strato: Begoña, 25